FONDITA en 1908 - TRIA SERI

32a Jaro - N° 228 - Aŭg-Okt 1964

REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

FRANCA ESPERANTISTO

34, Rue de Chabrol. Paris X<sup>e</sup> — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Tél. : PRO. 55-03.

# 49a U.K. en HAGO

## El la Festparolado de Prof. D-ro Ivo LAPENNA

La tutan 19-an jarcenton markas klopodoj antaŭenigi internacian komprenigon kaj evoluigi la ideon de paco. La pacmovado ne estas io nova. Jam en 1806 estis fondita la Brita Pac-Societo, kelkajn jarojn poste la Usona kaj aliaj. Okazis ankaŭ internaciaj kontaktoj, kiuj rezultigis internaciajn kongresojn. La unua estis organizita en la apuda Bruselo, la dua en Parizo, en tumulta jaro 1848.

Kiam fine de tiu jarcento, sub la premo de tiu vasta pacmovado kaj sub la influo de socialismaj ideoj de diversaj nuancoj, oni decidis kunvoki packonferencon, kiu lando povis esti pli konvena por tiu celo ol la lando de Hugo GROTIUS? Efektive, la Unua Pac-Konferenco en 1889 kaj la Dua en 1907, dum kiuj politikistoj, diplomatoj, juristoj, klopodis trovi rimedojn por paca solvado de interŝtataj malkonsentoj, kaj humanigi la militon, okazis en tiu ĉi sama interesa Hago, en kiu ni nun kongresas. Kiam post la Unua Mondmilito estis kreita vera Internacia Kortumo, kies tasko estas decidado senpartiece, per apliko de juro kaj el vidpunkto monda, pri la malkonsentoj kaj konfliktantaj pretendoj de la ŝtatoj, denove HAGO montriĝis kiel la plej taŭga loko por ĝia sidejo. La Dua Mondmilito nenion ŝanĝis tiurilate, kaj la Internacia Kortumo plue troviĝas en tiu impona palaco, kiu portas la plej belan nomon, tiun de Paco. Ĉie en la mondo staras po-iome palacoj kaj kasteloj, kiuj ofte impresas pro la eleganteco de siaj formoj aŭ pro la antikvaĵoj kaj artaĵoj, kiujn ili entenas, aŭ pro ĉio ĉi, sed ekzistas nur unu palaco kun la nomo PACO en kiu forĝiĝas la paco kaj kiu simbolas la aspirojn de milionaj amasoj: ĝi estas la Pacpalaco en Hago. (granda aplaŭdo)

La feliĉa hazardo volis ke, ĝuste en tiu ĉi urbo, historie kaj aktuale tiel intime ligita al porpaca laboro en kies koro troviĝas unu el la ĉefaj instrumentoj de la monda paco, U.E.A. lanĉas, dum tiu ĉi Universala Kongreso novan agadon por doni sian apogon al la Jaro de Internacia Kunlaborado.

En Januaro de 1963, la Ĝenerala

FRANCA ESPERANTISTO
REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

**SECRETARIAT : Mlle Y. PAULIER** - Le secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h à 12h et de 14 h à 18 h.( sauf dimanches et mardis ). Pour toute réponse, joindre un timbre ou une enveloppe timbrée à votre adresse. Pour tout envoi d'argent précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.

**REDACTION : M. Jean THIERRY** UFE 34 rue de Chabrol - PARIS ( 10ème ) .
Téléphone : PRO. 55-03

Tous les articles et communiqués ne peuvent être insérés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge pour faciliter la lecture et la correction ( double interligne ). **Tous les articles ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

**COTISATIONS** : Le détail en a paru dans le précédent numéro.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj decidis ke la plej bona maniero celebri la 20-jaran datrevenon de la fondiĝo de Unuiĝintaj Nacioj, estas per intensigo kaj vastigo de la Internacia kunlaborado en la intereso de ĉiuj, per komunaj agadoj entreprenotaj.

La Estraro de U.E.A. akceptis la inviton de la Sekretariato de Unuiĝintaj Nacioj partopreni en tiu celebrado, kaj tutcerte la tuta Esperanto-movado donos ne formalan, sed realan kontribuon al tiu agado de Unuiĝintaj Nacioj, kiu celas mildigi streĉitecojn, progresigi interkomprenigon kaj tiel helpi al forigo de la kaŭzoj, kiuj minacas la pacon. Ni donas tiun apogon el nia tuta koro, ĉar ni ne opinias ke kiu ajn grava ideo - malpli ol ĉiuj la plej granda la plej signifa kaj la plej esenca por la nuntempo kaj la estonteco de la mondo - estas monopolo de kiu ajn ŝtato aŭ de kiu ajn politika koncepto, sed apartenas al la tuta homaro! Ni ne konsentas, ke kiu ajn reĝimo, ŝtato aŭ grupo de ŝtatoj rajtus konsideri tiajn ideojn - tute egale ĉu sincere aŭ ne - kiel sian ekskluzivan proprieton (aplaŭdo), sed same tiel ni malaprobas la starpunkton laŭ kiu ni devus ignori ilin, silenti pri ili aŭ eĉ rezigni pri ili nur tial ĉar ili estas uzataj aŭ misuzataj de tiu aŭ alia ŝtataparato de propagando. Efektive per tia starpunkto oni nur helpas al tiaspecaj danĝeraj monopoligaj tendencoj kaj superflue kompromitas sin mem kaj siajn proprajn brilajn tradiciojn de libereco, demokrateco kaj paco (forta aplaŭdo).

Estu kiel ajn, ni bone scias, ke la ideo de la Internacia Lingvo, ek de kiam ĝi ekĝermis en la menso de nia junulo el Bjalistok tra ĉiuj realigoj ĝis la hodiaŭa tago, estis kaj estas firme ligita al la penso pri interkomprenigo, ne nur buŝa sed ankaŭ kora, al toleremo rilate la religiajn sentojn, opiniojn kaj vivmanierojn de aliaj, al amikaj rilatoj inter la rasoj kaj nacioj, al monda paco. Kompreneble ni ne estas naivaj kaj ni ne pensas, ke la homoj, kiel jam ZAMENHOF foje diris, fariĝos anĝeloj se ili ellernos Esperanton sed ni ja opinias, ke en la manoj de bonintencaj homoj, sincere dezirantaj interpopolan interkomprenigon, ĝi estas potenca rimedo de progreso kaj paco. Tiu idealo inspiris kaj plue inspiros nian tutan agadon. Ni laboris, laboras kaj plue laboros por la Internacia Lingvo kaj tio per si mem implicas laboron porpacan (aplaŭdo).

Hodiaŭ, ni aŭdis preskaŭ en ĉiu parolado, ek de tiu de la oficiala reprezentanto de la Nederlanda Registaro, tra tiuj de multaj reprezentantoj de niaj land-organizaĵoj ĝis miaj propraj vortoj, plurfoje la esprimon "paco". Sed ni estu en tiu ĉi momento tute klaraj. Ekzistas paco kaj "paco", ekzistas diversaj specoj de paco. Ankaŭ arestitoj kaj kondamnitoj en karcero estas tenataj en paco. Ni ne estas por tia paco! (tondra aplaŭdo). Ni estas por paco en libereco, en kiu la fundamentaj homaj rajtoj estas respektataj, ĉar nur tia paco estas konforma al la homa digno kaj garantias personan bonfarton, materian prosperon kaj intelektan progreson (forta aplaŭdo).

Kun tiaj pensoj ni aliĝas al la Jaro de Internacia Kunlaborado kaj donos nian plenan apogon al Unuiĝintaj Nacioj, por ke ĝi povu doni kiel eble plej bonajn rezultojn. Samtempe plene konsciaj ke la lingva diverseco prezentas la fundamentan obstaklon al vastigo k. profundigo de internacia kunlaborado, ni atentigos la Sekretariaton de Unuiĝintaj Nacioj kaj ĉiuj ŝtato-membrojn pri la solvo kiun prezentas la Internacia Lingvo La propono jam estas presita en pluraj lingvoj, kaj en aliaj ĝi nun estas preparata. Necesas ke ĉiuj niaj organizaĵoj kaj ĉiu unuopulo streĉu ĝis maksimumo siajn fortojn por disvastigi la ideon de Internacia Kunlaborado, sed samtempe ankaŭ por atentigi, ke la baza antaŭkondiĉo por la atingo de tiu celo estas la ĝeneraligo de la uzo de la Internacia Lingvo. Ni devos kolekti multajn subskribojn: milojn kaj dekmilojn, ĉar tio estos la bazo de nia agado. Tamen, ni ne limigos nin nur al tio. Speciala memorando estos sendita al Unuiĝintaj Nacioj, apartaj dokumentoj estos eldonitaj de la Centro de Esploro kaj Dokumentado, intensa informado havos la taskon diskonigi la rolon de la Internacia Lingvo por la Internacia Interkompreniĝo. Multe da laboro atendas ĉiujn niajn organizaĵojn, ĉiujn unuopulojn esperantistajn




Ne atendante la oficialan inaŭguron, jam vendrede la kongresanoj alvenis al Hago. En la Dokumentejo oni povis ricevi siajn dokumentojn...kaj ĉiuj renkontiĝis sabaton vespere je la sama loko dum la INTERKONA VESPERO kiu daŭris ĝis noktomezo!

La inaŭguro de la 49° U.K. okazis nur dimanĉon posttagmeze en Kurhaus. Antaŭe, la kongresanoj estis fotografitaj sur teraso apud la maro.

Salutis la kongreson Mag. SCHÖLVINCK, reprezentanto de la Ministerio pri Instruado kaj Mag. KLAASESZ, provincestro de Sud-Holando; ĉeestis ankaŭ i.a. la ĉefceremoniestro de la Reĝa Kortumo, Ekscelenco PAHUD DE MORTANGES. La ĉeestantoj aŭdis la salutparoloj de diversaj registaroj, (bedaŭrinde Francujo ne havis tian salutanton!) kaj de la naciaj asocioj (i.a. D-ro ALBAULT por nia lando, kaj S-ro Stepan TITOV, patro de la famkonata kosmonaŭto, por Sovetunio).

Dume okazis du muzikaj punktoj kaj saluto de la Infanoj partoprenantaj en la infana kongreseto (El FRANCUJO estis 14 infanoj).

Fine okazis la festparolado de D-ro LAPENNA, ĝenerala Sekretario de U.E.A. Vi legu komence de tiu numero parton de tiu festparolado, kiu estis ofte interrompita per spontanea kaj longa aplaŭdo.

La UNUA ĜENERALA KUNVENO DE U.E.A okazis lundon. La unua parto, sub prezido de S-ro WENSING, konsistis el salutoj de reprezentantoj de organizaĵoj aliĝintaj aŭ kunlaborantaj kun U.E.A.

La dua parto, sub prezido de S-ro BECKERS (prez. de TEJO) aŭdis raporton de D-ro MINNAJA pri la rezultoj

de la "Junulara Jaro"(1963). TEJO konsistas el 19 landaj sekcioj kun preskaù 10.000 membroj. La kulminoj de tiu jaro estis la apero de la junulara revuo KONTAKTO, kaj la impona kongreso en VRACA (Bulgario) kun pli ol 550 partoprenintoj.

La DUA KUNVENO okazis vendredon; la tagordo konsistis el diskuto de la Estrara raporto kaj raportoj de la Fakaj Asocioj. La Estrara raporto evidentigis la progreson de U. E. A. kiu speguliĝis en la kresko de la membronombro ĝis nova rekordo, la materiala fortigo de la Asocio, pli granda oficistaro, ktp... Poste la reprezentantoj de la Fakaj Asocioj prezentis koncizajn raportojn pri la dum-kongresaj laboroj.

Inter tiuj du kunvenoj okazis la laboroj de la UNUA SEKCIO LABORA:pri "Eduka Valoro de Instruado de Esperanto en Lernejoj".

La raporto de S-ro MARKARIAN, legita de S-ro TONKIN, estis bazita sur enketo farita de CED en Londono, kaj ĝi aperos en angla lingvo kaj Esperanto kiel dokumento de C.E.D.

Post la diskuto (en kiu partoprenis i.a. S-ro JULLIEN -Aix-en-Provence la sekcio akceptis tiun decidon:

"La Unua Sekcio aprobas kun danko "la raporton de la C.E.D. pri la "eduka valoro de la instruado de "la Internacia Lingvo en la ler- "nejoj, ellaborita de S-ro Mar-- "karian,sugestas vastan diskoni- "gon de la raporto, petas CED kon "sideri la rimarkojn faritajn en "la diskuto kaj instigi al pliaj "eksperimentoj precipe rilate la "lernadon de Esperanto kaj la "fremdaj naciaj lingvoj en la "lernejoj".

La LABORA SEKCIO II - pritraktis la temon "Aplikado de modernaj metodoj en la informado pri Esperanto", sub prezido de S-ro WENSING.

Anstataùante S-ron Ziegler (malsana), D-ro LAPENNA substrekis ke la ĝisnunaj metodoj estis nesufiĉaj. Li petis, ke oni uzu pli larĝe la Principaron de FROSTAVALLEN, kaj ke la landaj asocioj starigu apartajn informajn fakojn. Post diskuto, oni decidis traduki en esperanton la nuntempe uzatan germanan broŝuron, kies titolo estos "La moderna homo kaj Esperanto". La landaj asocioj traduku ĝin en naciajn lingvojn kaj adaptu ĝin al naciaj bezonoj.

I.S.U. - La inaùguran kunvenon okazis jam dimanĉon vespere. Prof. BERG, nunjara rektoro deklaris ke pli urĝa ol antaùe estas la demando pri pli bonaj rimedoj de internacia komunikado.

Prof. Boĵa POPOVIC faris la unuan prelegon pri "Vivo de Homo sur aliaj planedoj", pritraktante la problemojn, kiujn frontos la unuaj kosmonaùtoj, kiuj eventuale veturos al la aliaj planedoj.

Prof. J.REGULO-PEREZ prelegis pri la "Hispana kontraù la prakanariaj lingvoj", antaù 250 personoj.Li analizis la cirkonstancojn, kiuj kondukis al la malapero de tiuj lingvoj, ĝis ilia serioza restudado de la anglo GLAS kaj la franco BORY DE SAINT VINCENT (XVIII j.c.)

Prof. WARINGHIEN prezentis al 250 personoj la evoluon de la Esperanta vorttrezoro, de la donitaĵoj de la problemo en la prapara stadio ĝis la florado de la nuntempa literaturo.

Prof. KAWAMURA informis pri la japanaj manĝaĵoj laù la nutroĥemia vid punkto kaj klarigis kial la japanoj manĝas multe da rizaĵoj, sojpreparaĵoj kaj fiŝoj, sed malmulte de aliaj animalaj manĝaĵoj.

Prof. LAPENNA prelegis pri la Homaj rajtoj en la Universala kaj Eùropa Konvencioj", antaù 450 personoj La preleginto skizis la evoluon de la koncepto pri komunaj rajtoj de la

homo.

D-ro Inĝ. PANCER parolis pri la temo "donante al la homo pli da fruktojn, ni plibonigos ĝian vivon." Oni eksciis ke estus necese ke ĉiu homo formanĝu jare po 100 kg da fruktoj.

S-ro John WELLS parolis pri Konfliktaj postuloj por la fonetiko de la Internacia Lingvo. Partoprenis 250 personoj.

Prof. PEEVSKI prelegis pri "Utiligo de la artefaritaj satelitoj, por pacaj celoj". La epoko de flugoj en la kosmo malkovris novan eraon en la evoluo de la Scienco, sed bedaùrinde la satelitoj estas plu utiligataj por militaj celoj anstataù kontribui por la prospero de la homaro.

- o -

La BELARTAJ KONKURSOJ altiris pli ol 200 personojn en salono Zamenhof, kie Prof. Waringhien legis la nomojn de la premiitoj. Inter ili, Sinjoro Alvaro de Orriols (Bayonne) ricevis la 3-an premion por "La Ondoj" en la branĉo "originala poezio".

La aùtoro de la Jaro (arĝenta sprono de KOKO) estas la poeto B. RAGNARSSON (Islando) por "ŝtupoj sen nomo" kaj "Sub stelo rigida".

- o -

8 konkursantoj prezentiĝis al la ORATORA KONKURSO. Parolante pri la temo "ĉu la latina kaj greka lingvoj necesas en la lernejoj kaj Universitatoj", nia amiko Francisko-SIMONNET (Vincennes) gajnis la 3-an premion.

- o -

OFICIALA AKCEPTO - Ĝi okazis en la "Ridderzaal" aù Parlamentejo, kiun oni uzas por la krona parolado de la Reĝino. Inter la lokaj eminentuloj, oni rimarkis la vicurbestron de Hago, S-ron van REED. La kongresanoj pasigis tien proksimume du horojn.

OFICIALA BANKEDO sekvis, kiu okazis en Direntuin. La salutvortoj, kaj aplaùdoj trovis lokojn inter la manĝoj; poste okazis la OFICIALA BALO en plenplena salono. La tre bruema orkestro dancigis la dancemulojn ĝis frue noktmatene, sed ne malhelpis la babiladojn de la nedancantoj!

PIROTEKNIKAĴO ĉe la strando en Scheveningen, honore al la kongreso daùris 1/2 horon, merkrede vespere. Je la fino ekbrulis kvinpinta verda stelo kaj indiko pri Esperanto Kongreso.

T E A T R O - I.A.T. prezentis komedieton "La amo de Dom Perlimplino" de F. Garcia Lorca, en la traduko de A. de Orriols, kunlaboranto de la aùtoro) kaj unuaktan farson de Ĉeĥov "Edziĝpropono".

Dum libervolaj prezentadoj, oni aplaùdis aliajn pecojn: "La morto de lia Ekscelenco" kaj "Sen Eliro", "Hanibalo", "La leciono".

En la granda salono "DIERENTUIN" okazis vendrede vespere distra vespero kun bunta programo: akrobataĵoj ĵonglaĵoj, kansonoj, muzikaj punktoj Por esperantistoj plej altiraj estis la punktoj, kiujn efektivigis FIEGO. Konferencisto estis S-ro R. BERNARD, ĉiam sprita.

FILMOJ - En la salono Canuto (kinejo) oni prezentis diversajn filmojn, pri la 44° U.K. (Varsovio), ZOO, GLAS, (nederlandaj filmoj senvortaj), Rumana folkloro.
Krome la scivoleme atendita esperanto-filmo ANGOROJ estis prezentita kelkfoje kun sukceso.

JUNULARA VESPERO altiris pli ol 300 gejunulojn, por danci, ŝerci, amuzi sin ĝis frue matene.....

Antaŭ la sukceso de la NEDERLANDA MATINEO, kiu skize prezentis Nederlandon per popolaj dancoj kaj kantoj oni organizis duan prezentadon.

INFANA KONGRESETO: 70 infanoj - inter ili esris 14 el nia lando) partoprenis ĝin Dum la semajno, ili ludis kaj ankaŭ laboris por prepari distrajn aranĝojn kaj la ekspozicion, kiun ili montris al la plenkreskuloj, kiuj vizitis ilin, merkredon posttagmeze. Krome, vendredon p.t.m. ili prezentis distran programon: ĥoron, okteton tri teatraĵetojn, recitaĵojn.

I.L.E.I. - Sub prezido de F-ino J. Dedieu (Francujo), kaj en ĉeesto de 8 komitatanoj, la kunveno decidis kolekti kaj meti je la dispono de la membroj taŭgan materialon por lernejaj grupoj, kaj poste novredakti sian konstitucion.
Krome okazis publikaj kunvenoj, kiujn partoprenis 70 profesiaj instruistoj por aŭskulti kaj diskuti prelegojn de S-ro VERBRUGGEN (neceso de instruado de Esp°), S-ro KORTE (diversaj metodoj de instruado), Docento KAMISKO (lernmetodoj en sovetunio), S-ro KROFF (leĝaj eblecoj por Esperanto en Nederlando).

I.S.A.E. - okazigis sian jarkunvenon, kiun partoprenis 32 personoj. Estis decidite ke la revuo aperos regule, kaj oni proponis subteni la eldonon de la Duddenbildvortaro. Krome okazis publika kunveno pri la temo "Penetrado en la fakajn rondojn neesperantistajn".

I.A.Ĵ.E. - D-ro RÖLI estas komisiite verke juran vortaron. Sub prezido de D-ro LAPENNA okazis kunveno de 32 juristoj, kiuj diskutis raportojn pri la "Koncepto de proprieto kaj la ĉefaj limigoj en diversaj landoj".

T.E.Ĵ.A. - Dum la jarkunveno kiun partoprenis 25 ĵurnalistoj, oni akceptis diversajn decidojn por plibonigo de la Teĵa-laboro

S.T.E.Lo. - La sekretario (Simonnet-Parizo) informis pri la celo kaj stato de la Asocio. 16 rondoj jam aniĝis. Studenta semajno okazos ĉe lago Balaton de la 28-VII ĝis la I/8/65. La jarkunveno ĵus okazinta en Pollando akceptis rezolucion pri Afriko kaj regularojn pri la landaj reprezentantoj kaj sekcioj Oni alvokis ke studentoj fariĝu fakdelegitoj de U. E. A. pri studentaj aferoj.

VETERANA KLUBO konsistas el 666 anoj, inter ili 536 lernis la lingvon antaŭ 50 j.

40 personoj ĉeestis la kunvenon de la MARTINUS INSTITUTO.

ESPERANTO SPIRITISTA SOCIETO okazigis kunvenon dum kiu S-ro HOLMES prezentis psikajn fenomenojn,- (inkluzive spiritkuracado).

S-ro H. BING parolis pri la Internacia rolo de la pacmovado dum la kunveno de la INTERNACIO DE MILITREZISTANTOJ.

I.K.U.E. - 60 delegitoj partoprenis la kunvenon dum kiu oni raportis pri la Internacia Kongreso de IKUE en Valencia (Hisp.)

K.E.L.I. - okazigis kunvenon por aŭdi raporton pri la kongreso en Luteren, kiun partoprenis 130 personoj. La temo de la kongreso estis "La Paco de Dio kaj la surtera paco". S-ro CARLEN pritraktis la temon "Kio estas ekumeno".

DISERVOJ - La katolika diservo okazis dimanĉon en la kapelo Huize Maris Stella; ĝin celebris pastro KOBOR. Prof. THALMAIER predikis pri la universaleco de eklezio. 450 personoj (20 landoj)ĉeestis

La kristana diservo okazis ankaŭ dimanĉon matene en la preĝejo Nieuwe Badkapel. Pastoro G. BRINJMANN, el Germanujo gvidis la diservon, k.predikis. Horkantis la "Scheveninga fiŝkaptista virina ĥoro, en lokaj kostumoj.

EKSKURSOJ: La triono de la kongresantoj ekskursis - dum la aliaj restis en HAGO aŭ faris vizitojn al vidindaĵoj en la urbo aŭ ĉirkaŭaĵo.

265 personoj ekskursis al WALCHEREN, 200 al la Delto-Laboroj, pli ol 250 al AMSTERDAM, kaj nur 40 veturis al la Ferm-digo (kiu fakte estis tre vizitita antaŭ dek jaroj dum la 39-a U.K. en Haarlem.

Dum la Kongreso fondiĝis INTERNACIA ASOCIO de ESPERANTISTAJ ELDONISTOJ (I.A.E.E.). Prezidanto: J. REGULO-PEREZ; Sekretario-kasisto: RIBOT; La asocio akceptas tiujn kiuj a) regule eldonas, b) iam eldonis, c) interesiĝas pri eldonaĵoj.

Multaj aliaj sekcioj aŭ asocioj kunvenis dum tiu kongreso. La interesatoj legu la raportojn en la revuoj de tiuj fakaj asocioj.

Kaj, tagon post tago, oni alvenis al la FERMA KUNSIDO DE LA 49° U.K. kiu okazis sabaton la 8/8 matene en "Kurhaus".

S-ro HOLMEZ eldiris la dankajn vortojn al ĉiuj, kiuj helpis en tiu ĉi kongreso.

Prof. WARINGHIEN kaj D-ro Carlo MINNAJA proklamis respektive la rezultojn de la Belartaj Konkursoj kaj Oratora Konkurso.

D-ro LAPENNA raportis pri la laboroj de la du sekcioj kaj de la komitato.

Tiu ĉi elektis la novan estraron por la venonta trijara periodo. Per preskaŭ unuanima decido, ĝi petis D-ron LAPENNA (kiu fine akceptis) esti Prezidanto de U.E.A.

La aliaj estraranoj estas: S-ro WENSING, vic-prezidanto, unu el la direktoroj de Philips; S-ro CARLEN, (Svedujo), 2-a vic-prezidanto, prezidanto de K.E.L.I. kiu okupiĝos pri modernaj metodoj en nia informado; S-ro BECKER, ĝenerala sekretario, prezidanto de TEJO; D-ro ALBAULT, estrarano pri kulturaj aferoj kaj redaktoro de Monda Kulturo, S-ro JAUMOTTE, estrarano pri la landaj kaj fakaj asocioj; S-ro TOCZYNSKI, kiu zorgos pri la lerneja branĉo; S-ro WOESSINK, estrarano pri financoj; S-ro H. TONKIN.

- o -

KONGRESA REZOLUCIO

Jen la teksto de la kongresa rezolucio, kiun la kongresanoj unuanime kun aplaŭdo akceptis:

"DONANTE plenan apogon al la klopodoj de Unuiĝintaj Nacioj progresigi la kunlaboradon inter la popoloj kun la celo dispeli internaciajn tensiojn kaj firmigi la mondan pacon, sed profunde konvinkitaj, ke la lingvodiverseco prezentas unu el la plej gravaj obstakloj al plua interesigo kaj vastigo de internacia kooperado sur ĉiuj niveloj; prenante en konsideron la Rezolucion de la 10-a de decembro 1954 per kiu la Ĝenerala Konferenco de UNESKO rekonis "la rezultojn atingitajn per Esperanto sur la kampo de internaciaj intelektaj interŝanĝoj kaj por la proksimigo de la popoloj de la Mondo,

"la 49-a U.K. de Esperanto, okazinta en HAGO de la 1-8 de aŭgusto 1964, kiun partoprenis pli ol 2500 reprezentantoj el 43 landoj el ĉiuj kontinentoj, proponas ke Unuiĝintaj-Nacioj solvu la lingvan problemon per efektiva kaj efika helpo al disvastigo de la neŭtrala Internacia Lingvo Esperanto, rekomendante ankaŭ al la ŝtatoj-membroj progresigi ĝian instruadon kaj stimuli ĝian uzon en la internaciaj rilatoj de la popoloj

## A P P E L  D U  P R E S I D E N T

### Création d' un Fonds Spécial "Maintien du Siège Social à Paris"

Au cours du cycle 1963-1964, trois importantes manifestations ont été organisées par l' Union Française pour l'Espéranto:

1°- La 3-ème SEMAINE CULTURELLE, donnée sous le patronage du Ministère de l'Education Nationale, au Château de Grésillon, du 31 mars au 7 avril.

2°- Le CONGRES NATIONAL du 16 au 18 mai, à la Foire de Paris, patronné par MM. FOUCHET et MALRAUX, avec la présentation du grand film en espéranto "ANGOROJ" de J.L.MAHE.

3°- Le STAGE CULTUREL, au Château de Grésillon du 30 août au 13 septembre, dirigé par M. Robert MARTIN, professeur agrégé, de Rennes.

Si l' on ajoute à ces trois manifestations la parution régulière de "Franca Esperantisto" et du "Bulletin trimestriel en français", le Service de Presse et de Radio, les nombreux cours dans les Ecoles, si l'on considère aussi le fonctionnement régulier du Secrétariat permanent, 34 rue de Chabrol à Paris, on peut dire que U. F. E. fait du bon travail. Mais, pour arriver à ce résultat, non seulement nous avons besoin du dévouement de nos membres, mais aussi de ce que nous appelerons nous, espérantistes, le "nerf de la Paix", l'argent!

Le premier devoir de tout bon espérantistes est de cotiser au moins comme "titulaire" (20 F.) à notre Association et le devoir de tout Professeur est de faire cotiser ses élèves comme, "étudiant" (2 F.) ou "adhérent" (5 F.).

Après avoir acquitté sa cotisation, le bon espérantiste commandera à la rue de Chabrol tous les livres dont il aura besoin, qu' ils soient édités par U. F. E. ou par des éditeurs français ou étrangers.

N'oublions pas que pour maintenir un siège social à Paris, avec secrétariat et téléphone, il faut tous les mois un minimum de 1.065 F. Nous pensons que les espérantistes seraient navrés de nous voir abandonner, faute de ressources, notre siège national à Paris. Aussi, ils redoubleront d'efforts pour nous adresser le plus grand nombre possible de cotisations, de dons et de commandes.

Mais pour parer au danger immédiat nous ouvrons, pour l' année scolaire 1964/1965, un fonds spécial intitulé "MAINTIEN SIEGE SOCIAL A PARIS". Nous demandons à tous les espérantistes, à tous les élèves, à tous les sympathisants de verser à ce fonds spécial suivant leurs moyens. Adresser les fonds à Union Française pour l'Espéranto CCP. PARIS 855.35, en mentionnant sur le talon réservé à la correspondance "Fonds spécial "Maintien Siège Social à Paris".

Je vire ce jour à ce fonds spécial la somme de 100 F. et une petite élève de 8 ans, de Perpignan, fille d'un ouvrier maçon, me prie d' envoyer sa modeste obole: 1 F.

Entre 1F et 100F, il doit y avoir la place pour que tous les espérantistes aident au maintien du siège à Paris. Nous accepterons d'ailleurs, avec grand plaisir, les fonds supérieurs à 100F. (Nos adhérents peuvent être les heureux bénéficiaires de la loterie ou du tiercé!). La liste des donateurs paraîtra régulièrement dans notre revue.

Ce fonds spécial devrait nous permettre de payer les frais fixes du siège à Paris et de disposer pour la propagande des cotisations et des subventions.

Nous nous excusons de cet appel, mais les augmentations successives de loyer mettraient, si nous n' y prenions garde, l'existence de notre siège social en péril.

Je me permets de compter sur votre "samideaneco". C'est d'ailleurs dans les moments difficiles que l'on retrouve ses vrais amis.

MERCI!

René LLECH - WALTER

==================

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

CONNAISSANCE DU MONDE PAR L'ESPERANTO

---

Le Mercredi 7 octobre 1964 sera donnée à la CHAMBRE DES METIERS de Perpignan, une conférence sur l' Espéranto, en prélude à l'ouverture des cours au Lycée Arago, à l' Ecole Racine, et au Cours expérimental qui réunira 40 élèves choisies par les Directrices des écoles primaires de Perpignan.

xoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxo

S-ro Hubert FEREZ sciigas siajn geamikojn pri sia nova adreso: "Villa Les Marguerites", 7 avenue de Reims en NICE (A.M.) (antaùe en Strasburgo).

==================================

# *TEJO*

De la 8-a ĝis la 15-a de aùgusto okazis en Amsterdamo la 20-a Internacia Kongreso de T.E.J.O. Al ĉi tiu jubilea kongreso partoprenis 170 gejunuloj el 25 landoj. Post la oficiala inaùguro, kiun ĉeestis la Rektoro de la Amsterdama Universitato kaj ankaù reprezentantoj de naciaj kaj internaciaj junularaj organizaĵoj, briligis la vesperon la Internacia Arta Teatro, ludante verkojn de Ionesco, Pirandello, Ĉeĥov kaj Matkoviĉ. Cetere la tuta programo estis tre interesa: vizito de la Rembrandt Muzeo, de Amsterdamo vespere, laù la kanaloj, de Hilversumo kaj tiea radiostacio, prelego en Anne - Frank-Domo de S-ro de Bruine, pri la temo: "milito ĉu solvilo de internaciaj problemoj?" - oratora konkurso en kiu nia amiko F. SIMONNET gajnis la unuan premion - studenta esperanto-kabaredo el Zagreb - vizito de la bierfarejo Amstel - renkonto kun la amsterdama junularo kun muzika programo - orgenkoncerto en la preĝejo de Broek - prezentado de esperantaj filmoj - diskutado pri Afriko kun partopreno de samideanoj el Mali kaj Togo - komuna vespera festo kun pied pilka ludo kaj frislandaj kaj inter naciaj dancoj - vizito de la antikva kastelo de Muiden.

Kaj sabate okazis la solena fermo La venonta kongreso okazos en KYOTO.

La plej gravaj rezultoj el la diskutoj estas: 1°-ELEKTO de la nova estraro: Prezid.S-ro OSIBOV-jugoslavujo; vic-prez.:S-roj SIMEONOV k a j TONKIN; ĝen. Sekr.: S-ro C. MINNAJA; kasisto: S-ro LINS; komitatanoj:Sroj PIETRZAK, UMEDA, ZLATNAR.

2°-Oni decidis helpi al U.E.A dum la Jaro de Internacia Kunlaborado.

3°- Oni instalis komisionojn por:
-kontaktoj kun ne-esperantistaj junularaj organizaĵoj,
-esploro de la lingva problemo en Afriko
-Evoluigo de la internaciaj kontaktoj inter la lernejoj en kiuj esperanto estas instruata.

Laù instigo de F. SIMONNET, o n i decidis restarigi la faleman Junularan Esperantistan Francan Organizon Tre esperigantaj diskutoj okazis inter la francaj kongresanoj kaj baldaù la franca junularo estos eble tiel vigla kiel en aliaj landoj.

-- o --

En ZAKOPANE de la 26/12/64 ĝis la 3a de Januaro 1965 okazos vintra feriosemajno. Kotizo: 400 steloj - Vizito de Varsovio, Krakovo, ekskursoj. Via amiko SIMONNET C.C.P. PARIS 184.371, donos al vi laù peto la ceterajn in-

formojn.

GERMANA ESPERANTO JUNULARO invitas al la 8-a INTERNACIA SEMINARIO DE G.E.J. (27/12-3/1-1965) kiu okazos en NURNBERG (Petu informojn kaj aliĝilojn ĉe GERMANA ESPERANTO JUNULARO Eksterlanda Fako, Germarkenstr. 146, 5 KOLN-DELLBRUCK (Germanujo). La kotizo estas 65 GM.

mmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmm

Germana kolektanto de francaj poŝtmarkoj deziras interŝanĝi kun franca samideano kiu germanajn poŝtmarkojn kolektas.
R. BRINKMANN, Hillesheimstrasse, 6-a
5-KOLN-NIEHL (Germanujo)

==================================

Hélène, Janette et Jean-Paul GUILLOT sont heureux de vous annoncer la naissance de MIREILLE, le 8 Juillet dernier. Notre ami MICARD est ainsi une fois de plus grand-père!

x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=

Estas petataj korespondleteroj de tutmondaj geknaboj 10-12 jaraĝaj por interŝanĝo de bildkartoj, fotoj kaj infanliteraturo por grupo da junaj novaj geesperantistoj, kiuj varme akceptis en RUSE francajn lernantinojn kaj ilia profesorino la 31-an de marto 1964. Gratulojn al la instruanto, S-ano D. IVANOV, Vardar 3, RUSE (Bulgario), kaj al gelernantoj, kiuj post kelkmonata lernado tre bele kantis esperante kaj tutkore.

Kazimierz G. ZURAWSKI, Krzywcza n/ Sanem (pow. Przemysl) Pollando deziras korespondi pri poŝtmarkoj kaj bildkartoj.

oooooooooooooooooooooooooooooooooooooo

Monsieur Marius CHABERT est décédé le 6 Juillet 1964, à La Tour sans - Venin à l'âge de 82 ans. Nous prions sa famille d' accepter l' expression de nos sincères condoléances.

COMITE FRANCAIS DES ORGANISATIONS NON GOUVERNEMENTALES (O.N.G.)

==================================

Extraits de l'exposé fait à la Journée de l' O.N.U.
par M. ROUGETET Vice-prés. de U.F.E.

"L'Association que je représente, au sein des O.N.G. est l'Union Française pour l'Espéranto, dont le but est de faire connaître et propager la Langue Internationale Espéranto comme langue seconde.

Il semble superflu de démontrer qu'une langue auxiliaire... est pour l'intercompréhension des peuples un outil d'une importance primordiale.

..Le rôle des O.N.G. est de faire connaître à l'opinion ce qui se fait à l'UNESCO et à l'O.N.U. mais en retour, il est du devoir des O.N.G. de porter devant ces instances toutes suggestions et même éventuellement toutes observations sur leur action.

C'est dans ce sens que l'U.F.E. propose son aide à l'UNESCO, notamment dans l'action magnifique qu'elle entreprend pour résoudre le grand et difficile problème de la FAIM dans le MONDE...(mais)nous pensons, que les résultats obtenus seraient décuplés si l' UNESCO ne butait pas constamment sur le mur des langues.

...Or on estime que 40 millions de personnes meurent de faim chaque année....Il faut donc aller vite.... Mais comment pourra-t-on faire comprendre à ces masses qu' on veut les aider? si des milliers de médecins, d'infirmières, d'ingénieurs,de techniciens de toutes sortes ne peuvent avoir de contacts directs à cause de la barrière des langues?

........Je fais donc le voeu que les organismes officiels découvrent tout l'appui et toute la force que procurerait la Langue Internationale aux efforts que font les peuples nantis pour élever le niveau de vie de ceux qui ne le sont pas, efforts qui ne seront couronnés de succès que s'il y a possibilité de contacts directs entre tous les hommes".




DERNIERS ECHOS

Le Lundi de Pentecôte, comme de coutume, était réservé à l'excursion des Congressistes vers GROSBOIS, les ROSES de VILLECRESNES et l' Aéroport d'ORLY.

Dès 7 heures du matin, deux autocars nous attendaient Place de la Concorde. Deux autocars: c' est dire que la moitié des Congressistes participa à ce déplacement.

Peu de temps après l'heure fixée, ce qui a permis à une retardataire d'être quand même parmi nous, nous partions vers le premier but de cette journée, le Château de GROSBOIS.

Pendant que les occupants d'un des autocar en faisaient la visite, les occupants du second visitaient les serres de VILLECRESNES, et ensuite vice-versa.

L'intérêt de la visite de Grosbois c'est qu'il s'agit là d'un château qui a constamment été habité et qui ne laisse pas aux touristes le sentiment de froideur que l' on ressent dans certains lieux dont la vie est, pour ainsi dire, terminée.

Les judicieuses et détaillées explications données par M. VIGOUREUX sur la culture des roses à VILLECRESNES ont intéressé au plus haut point tous nos amis. Les pertinentes questions qui lui furent posées lui montrèrent le sérieux avec lequel il fut écouté de tous.

L'horaire étant suivi cette fois, c'est à 11 heures précises que nous fûmes accueillis par la Municipalité de Villecresnes, représentée par son maire-adjoint, Monsieur GUIGNIER et deux conseillers municipaux, MM. G. DUCHESNE ET VIGOUREUX.

La salle de la Jeunesse, où nous nous trouvions réunis, avait été ornée par les fleurs et plantes que l' opération "Amitié-Fleurs" avait apportées de différentes parties du monde, toutes envoyées par des espérantistes. Cette opération est réalisée en collaboration par M. DUCHESNE et notre ami J.Rousseau, et des applaudissements nourris ont remercié M. QUELIN, jardinier municipal, des soins avec lesquels il a réussi à faire pousser les graines reçues.

Le vin blanc d'honneur offert par Villecresnes avait mis tout le monde en appétit pour apprécier le déjeûner servi à l'Auberge du BEL-AIR. Au dessert, notre Président, M. LLECH - WALTER remercia les Congressistes de leur imposante participation à cette excursion et félicita M. DUCHESNE, pour le généreux accueil qui nous a été réservé. Celui-ci, de son côté, s'est réjoui que sa commune ait été choisie comme lieu pour cette manifestation, et dit tout l'intérêt qu' il porte à notre action. Nous espérons qu'il ne s' agissait pas seulement de simples mots, et que bientôt l'Espéranto aura sa place à Villecresnes et qu'un cours pourra y avoir lieu!

A ORLY, chaque autocar était accompagné par une blonde et charmante hôtesse qui, sur un circuit de 15 K. à travers les pistes et les différentes installations de l'aéroport, nous donnait tous les détails nécessaires pour en comprendre l'importance et le fonctionnement.

Après un "décrochage" de quelques participants, qui désiraient visiter plus en détail certains bâtiments, les autocars regagnaient Paris et la dislocation avait lieu place d'Italie, à l'heure prévue, chacun emportant, nous l' espérons, un excellent souvenir de ce beau congrès.

- o - o -

S E R V I C E   D E   L I B R A I R I E

## ETUDE & ENSEIGNEMENT

L'Espéranto, cet inconnu...... 1,25
Espéranto-Manuel.............. 8,oo
Esperanto, fil d'Ariane....... 14,00
Fundamento (p. de Albault).... 13,50
Lingvo kaj Vivo.....(bindita). 20,00
Lingvaj Respondoj (Zamenhof).. 7,50
Ludoviko en Nederlando........ 16,00
Ni parolu en Esperanto........ 4,80
Plena Gramatiko (vol.I)....... 12,00

## DICTIONNAIRES

Léger - Albault (F + E)....... 20,50
Waringhien (E + F)............ 33,00
Lexique Léger (E + F)......... 5,40
Naùlingva Leksikono (Bastien). 10,00
Plena Vortaro de Esperanto.... 15,00
Vocabulaire de poche (Bastien) 3,30

## HISTOIRE DU MOUVEMENT

Le Docteur Espéranto.......... 6,50
La Esperanto-Movado........... 3,00
La Internacia Lingvo.......... 8,50
Leteroj de Zamenhof (2 vol.).. 28,00
Originala Verkaro............. 18,00
Historio de la Lingvo Esp°.... 8,50
Vivo de Zamenhof (Privat)..... 4,50
Zamenhof (M.Boulton).......... 19,00

## LITTERATURE

Angla Antologio............... 14,00
Akbar (Brouwer)............... 5,50
Aventuroj de Marteno Drake.... 4,50
Bildlibro pri Bestoj.......... 11,50
Dana Antologio................ 16,50
Eroj (M. Boulton)............. 12,50
Esperanta Antologio (Poemoj).. 21,50
Fabeloj de Andersen........... 15,00
Fabiola...........(broŝurita). 7,50
Goja Podio (Schwartz)......... 6,00
Héros existentialistes........ 2,00
Invito al ĉielo............... 4,50
Kiel akvo de l'rivero (bind.). 19,00
La Marvirineto................ 10,50
Malsata ŝtono (R. Tagore)..... 16,00
La Naùzo (Sartre/Bernard)..... 20,00
Normandaj Rakontoj............ 17,00
La Dia Komedio................ 50,00
Peer Gynt (Ibsen)............. 11,20
Reĝo Edipo, Antigono.......... 10,00
La Revizoro (Gogol)........... 4,50
Sonĝe sub Pomarbo (Baghy)..... 10,00
Taglibro de Anne Frank........ 11,50
Topaze - ŝipego "Tenacity".... 10,00
Tartarin de Taraskono......... 7,00
Virineto en Bluo.............. 3,30
Vitralo (J. Francis).......... 6,00

## RELIGION & PHILOSOPHIE

Tio, kion mi kredas (Rostand) 3,00
Maksimoj (La Rochefoucauld).. 2,00
La Nova Testamento........... 3,50
La Sankta Biblio............. 12,00
La Vivo de N.S.Jesuo (Dickens 5,00

## GEOGRAPHIE et VOYAGES

Aùstralio lando k. popolo.... 3,50
De Parizo al Lazura Marbordo. 1,80
Ekspedicio Kon-Tiki.......... 18,50
Kanako el Kananam............ 11,00
La bela subtera Mondo........ 10,00
Nepalo malfermas la pordon... 15,00
Pariza gvidlibro ilustrita... 3,00
Ŝipestro rakontas............ 8,50
Tempesto super Akonkagvo..... 11,00

## ARTS SCIENCES TECHNIQUES

Atakoj kontraù ĝardenplantoj. 15,50
Amuzo per Scienco............ 6,00
Retoriko............(Lapenna 16,50
Sekretoj de la Marestaĵoj.... 7,50
Vivo de la Plantoj........... 11,50

## DISQUES

Cours complet (6 disques plus
(7 livrets..... 80,00

Frais d'expédition et de poste:
20% jusqu'à 10 F. - 15% jusqu'à 20F. et 10% au-dessus. Les ordres sont à adresser avec les fonds à UFE: 34, rue de Chabrol - Paris (10ème)
C.C.P.PARIS 855-35

S.I.T.E.C. Imprimeur 188 Fbg St-Denis PARIS 10    Le Gérant: J.GUILLAUME